# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VIII N.° 6 (90) JUNIO, 1956

## LA GRAN PRUEBA

La solución del problema idiomático, que los esperantistas saben ser perfecta, por medio del idioma de Zamenhof, es cosa todavía nebulosa para muchas personas, aún cultas y especializadas en estudios filológicos. Para los esperantistas, ha dejado de ser problema, para pasar a ser un sencillo hecho consumado y comprobado por la experiencia. «Pienso, luego existo!», decía el filósofo, en razonamiento «a posteriori». «Me entiendo perfectamente con esperantistas extranjeros, luego el Esperanto es un perfecto idioma internacional», pueden decir centenares de miles de personas en todo el mundo. Y, ante esta afirmación, caen los sofismas y argucias de suspicaces e incrédulos, que acaban de convencerse cuando presencian un congreso esperantista. La gran prueba, la del libre y espontáneo intercambio de ideas y frases, entre personas de distintas naciones, invalida todos los falaces razonamientos y quebradizas críticas. Por eso, los congresos esperantistas constituyen la mejor propaganda de la utilidad y eficacia del Esperanto, y a su organización y esplendor deben ayudar todos.

En este año, España verá la celebración de dos congresos esperantistas, que serán, sin duda alguna, eminentemente fructíferos. Todos los esperantistas españoles deben prestar el calor de su inscripción, de su asistencia y, a ser posible, de su activa colaboración, para lograr que el éxito sea lo más clamoroso posible. El Congreso de Barcelona, por celebrarse en la región en que mayor número de esperantistas reside, ha de ser la superación de todo entusiasmo y esfuerzo, para que todo el mundo reconozca nuestra razón y nuestra fuerza. Nuestra razón quedará demostrada por la simple celebración del Congreso. Nuestra fuerza, solo puede quedar patente por el guarismo indicador de nuestra asistencia. ¡Llevémosle todos a su mayor nivel!

# NOVAJ LIBROJ

**LA MALPRUDENTA SCIVOLULO,** Novelo el la fama verko «Don-Kiĥoto», de M. de Cervantes Saavedra. — El la hispanlingva originalo tradukis Luis Hernandez. Ilustroj: R. Raga. Vinjetoj: Luis Hernandez. Linotipo: García Viguer. Litografo: García Cantos. Prezo: 20 pesetoj. Mendu ĝin ĉe Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Calle de Pelayo 7, Valencia.

Dissemitaj en la hispanlingva ĉefverko «Don-Kiĥoto», kvazaŭ floroj en impona arbaro, oni trovas epizodajn novelojn kaj rakontojn, pli-malpli ligatajn al la ĉefa agado. Inter tiuj, la malplej ligata kaj la plej longa estas «La Malprudenta Scivolulo», kiun hodiaŭ aperas en esperanta traduko de Luis Hernandez.

Ĉiu klera homo konas «Don-Kiĥoto»-n, ĉar ĝi estas tradukita al ĉiuj kulturaj lingvoj. Tamen, en multaj tradukoj kaj ankaŭ en multaj reduktitaj hispanaj eldonoj, mankas tiuj epizodaj pecoj. Tial S-ro Hernandez faris gravan alporton al la Esperanta literaturo tradukante tiun juvelon. La temo —scivolema edzo, kiu volas pruvi la fidelecon de sia edzino— kaj la delikataj sentoj pri la honoro, eble estos iom strangaj al la nuntempa publiko; sed la fundo, la pasioj, la karakteroj, la homaj reakcioj estas ĉiamaj, ĉar, kiel diras la antaŭparolo, «oni ne estas hodiaŭ pli sperta en tiaj temoj ol dum la regado de la Faraonoj».

Diri ke la novelo estas perfekte verkita, modelo en stilo kaj en fundo, ke ĝi abundas en saĝaj sentencoj, trafaj maksimoj kaj belaj frazoj, estas superflue se oni konsideras ke ĝi estas verko de la hispana «Princo de la Geniuloj». Ankaŭ superflue estus laŭdi la fidelan tradukon, lertajn frazarangôjn kaj fluan lingvon de S-ro Hernandez. La legantoj de ***Boletin*** ja bone konas la stilon riĉe Zamenhofan de la tradukinto. Li eĉ trafis igi malpeza la iom pezan —laŭ la epoka stilo— lingvon de la originalo. Se li ne estus jam konsiderata kiel unu el la plej bonaj esperantaj prozistoj, tiu verko sufiĉus por lin klasifiki en la unua rango. Hernandez, ekzemple modesta, asesoriĝis de du malsamlingvanoj esperantistoj: S-roj Szilágyi kaj Saldanha-Carreira por igi plej internacia la tradukon. Laŭdinda kaj imitinda ekzemplo! La materiala parto estas bonega: alloga kovrilo kaj gravuraĵoj honoras la hispanan presarton. Esperanta korespondanto iam asertis al mi ke Hispanaj eldonoj estas pli belaj ol alilandaj. Tiu libro certe lin pravigas.

*Amalia Núñez Dubús.*

**INTERSTENO,** de F. de Kunovski. Gvidilo en Esperanto. Kvara eldono; verkita de Heinrich Friess. Eldonejo: Tutmonda Intersteno-Asocio. 10 paĝa broŝuro 20 x 15. Prezo 3 respondkuponoj aŭ egalvaloro. Aliĝoj al C. Daglio Litta Parodi. Alessandria, Italio.

Stenografio estas al mi tute simpatia arto. Ĉiuj laboroj kaj klopodoj por la konstanta progreso estas laŭdindaj, kaj rapido estas formo de progreso. Krom tio, estas humila kaj helpa laboro, sekvi per la mano la foje elokventajn foje tumultajn vortojn de paroladisto, kaj poste la dua laboro de pacienca tradukado, kaj ĉiam preta rekomenci senlace.

Vere neimagebla estas moderna oficejo sen stenografisto aŭ (eble pli bone) stenografistino. Komercaj mezgradaj lernejoj havas stenografion kiel devigan 2 kursan fakon, kaj ankaŭ sendependaj institucioj diskonigas senĉese kaj aranĝas kursojn elementajn kaj superajn, organizas eĉ naciajn konkursojn de rapideco kun valoraj premioj por la naciaj lingvoj.

La kolekto da streketoj aŭ signoj, nomita sistemo, estas tre ofte malsama por ĉiu lernejo, kaj eble konstante perfektigita per novaj pravaj aldonoj, celantaj fidelon aŭ rapidecon.

Ankoraŭ ne tre disvastigata estas la esperanta stenografio, sed se nia movado prosperas kiel ĝis ĉi tiu lastatempa periodo, ne strangos ke baldaŭ ekzistos vera bezono pri multaj kapablaj kaj kompetentaj stenografistoj pretaj helpi en la plej diversaj fakaj internaciaj kongresoj.

INTERSTENO estas sistemo de streketoj aplikeblaj al diversaj lingvoj kaj per ĝi oni

al la paĝo 299

*Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj.*

## PRI «DEVAS NE»

Mi legis kun intereso la recenzon de Luis Hernandez pri «Fundamenta Krestomatio» en la novembra numero (1955) de *Boletín*. Kompreneble, kiel ĉiam, liaj komentoj estas trafaj kaj interesaj, kvankam foje pridisputeblaj.

Mi deziras, tamen, komenti lian atakon kontraŭ la ŝanĝiĝo de «ne devas» je «devas ne» en frazoj kiel «vi ne devas dormi».

Du aferoj estas konsiderendaj, ĉirilate: la signifo, kaj la tradicio.

Por multaj personoj la frazo «vi ne devas dormi» havas signifon precize inversan je la celita. Ĝi por mi, kiel ĉiuj aliaj anglalingvanoj (kaj aliaj personoj de lingvoj kiuj formas negacion similmaniere), signifas «vi rajtas dormi». Ĉar ĝi estas la negacio de «vi devas dormi»= «vi havas la devon dormi», ĝi signifas «vi ne estas devigata dormi» do «vi rajtas dormi». Por ni, diri ke manko de malpermeso estas egala kun postulo absurdas. Pro tio, diri ke «vi ne devas dormi» egalas «maldormu» estas strange por niaj mensoj kaj oreloj.

La disputo, do, ne estas inter favorantoj de «lasthora logiko» kaj favorantoj de «ortodoksaj frazoj» sed inter personoj kies naciaj lingvoj trudas al ili diversajn kutimojn.

La anglo, vidante afiŝon «vi ne devas fumi» bonkonscience fumas, ĉar laŭ liaj nacilingvaj kutimoj la frazo nur signifas ke ankaŭ nefumantoj estas permesataj, sed ne ke oni intencas ian malpermeson. La hispano, vidante la saman afiŝon, opinias ĝin malpermeso, ankaŭ pro nacilingvaj kutimoj.

Kutime, en Esperanto, ni metas la negacian vorton *ne* tuj antaŭ la negativata vorto. Laŭ la kutimoj pri aliaj verboj, do, ni metus la *ne* tuj antaŭ la *fumi* por esprimi ordonon ke oni ne fumu, kaj tuj antaŭ la *devas* por esprimi ke ne ekzistas devo.

Nun pri la tradicio: estas vere ke plej ĝenerale en Esperanto, ek de la unuaj jaroj, oni konsideris *devi* speciala verbo, kun duobla signifo, afirmative devi = esti ordonata; negative, devi = esti malpermesata (anstataŭ ne esti ordonata). La uzo estas tiel enradikiĝinta, kaj «natura» por tiom da esperantistoj ke ĝi sendube restos, malgraŭ la fakto ke multaj personoj ne komprenas ĝin.

Permesu, mi petas, lastan komenton. Min tre ĝenas la apelacio al Zamenhof pri ĉi tiaj aferoj. Zamenhof estis persono, ja vere la inventinto de Esperanto (ne ĝia plej lerta uzanto), sed nur persono. Kiel en ĉiu lingvo, en Esperanto la lingvouzo dependas de la uzantoj, ne de ordonanto aŭ ordoninto.

Kiel lingva kuriozaĵo, la zamenhofa lingvouzo estas interesa. Por praktika konsiderado ni devas atenti nur la efektivan uzadon de la tuta kompetenta esperantistaro.

*Donald R. Broadribb.*

---

## PRI FRONTARTIKOLO EN «BOLETIN»

En la januara numero de BOLETIN aperis artikolo titolita «Optimismo», kie oni certigas ke «granda nombro da problemoj, kiuj interesas la homaron, solviĝus se de la nokto ĝis la mateno la mondo esperantiĝus».

Estas stultaĵo kaj kruela moko diri tion, plie kiam dum la nuna jarcento estis du mondaj militoj. La menciita artikolo tute ne estas montrinda al persono kiu deziras lerni esperanton, havanta iom da kulturo kaj intereso pri politikaj, sociaj, ekonomiaj aferoj naciaj aŭ internaciaj.

La kialo, ke ni uzantoj de la helplingvo esperanto estas klasifikitaj kiel «rara birdo» de la ne-uzantoj, estas ne la lingvo esperanto, sed la falsa kaj mirakla aŭreolo, per kiu multaj esperantistoj ornamas ĝin, montrante ĝin kiel universalan kuracilon, kiu savos la homaron.

## INVITO al la 12-a INTERNACIA JUNULAR-KUNVENO de TEJO

## en la Nordmara Banloko Büsum, 28 Julio — 4 Aŭgusto 1956

Laŭ la decido de la lastjara kunveno de TEJO en L' Aquila, la nunjara junulara kunveno okazos en la Nordmara Banloko Büsum, kiu situas kvazaŭ sur la vojo al la kongresurbo Kopenhago. La lokaj kaj distriktaj instancoj ebligos per eksterordinare grandaj subvencioj altnivelan aranĝon de la kunveno kaj ebligos krome agrablan loĝadon de la partoprenontoj en la grandaj komfortaj internulejoj de la gimnazio de Büsum.

La partoprenontoj estos honorgastoj de la Banloka Administracio kaj per tio havos la eblon ĝui la ĝojon de la somera ĉemara restado. La kostoj de la tutsemajna restado inkluzive tuttagan ekskurson ne transpasos 50,— germanajn markojn. Esperantistaj gejunuloj kaj amikoj de nia kunveno, petu bildriĉan prospekton kun esperanta teksto de

*12-a Internacia Junular-Kunveno de TEJO*
*Nordseebad Büsum, Friedrichstr. 16, Germanujo*

---

## UNUA INTERNACIA INFANA KONGRESETO

*Kopenhago, Danlando, 4 - 11 Aŭgusto, 1956*

En la kadro de la 41-a Universala Kongreso de Esperanto. Ludoj, Promenadoj, Ekskursoj, Kantadoj, Historietoj, Filmprezentadoj, Lumbildoj, Pupteatro, Popoldancoj, Konkursoj. Povas partopreni Esperanto-parolantaj infanoj de 6 ĝis 13 jaroj. La infanoj loĝos, manĝos kaj estos okupataj en la libertempejo «La Ludoĉambro». Povos esti akceptataj nur ĝis 20 eksterlandaj infanoj. Petu informojn rekte ĉe «La Ludoĉambro», Hartmannsvej 23, Kopenhago-Hellerup, Danlando.

---

«Interna ideo», neŭtralismo k. s. estas la plej gravaj baroj por la disvastigo de internacia help-lingvo, kaj la kaŭzo pro kiu multaj esp-gazetoj kiel «Heroldo de Esperanto», «Revuo Esperanto» de U. E. A., «Boletin» kaj aliaj estas sengustaj kaj seninteresaj por ĉiuj homoj kiuj interesiĝas pri la veraj problemoj de la homaro kaj deziras ampleksigi sian kulturon. Ne estas sufiĉe babiladi pri paco, internacia kunfratiĝo kaj tiel plu per belaj sed malplenaj frazoj.

Kiam esperanto estos vera voĉportilo de ĉiaj problemoj kaj intelektaj, sociaj, politikaj, religiaj fluoj de ĉiuj homoj, tiam oni povos diri: ESPERANTO estas grava kaj efike helpanta ilo je la servo de la paco, kulturo kaj progreso de la homaro.

*A. Alonso Duch,* Madrido.

Responde al S-ro Alonso, ni rimarkigu, ke la esperantistoj konsistigas malplimulton, tiel malgrandan, ke ĝi tute ne kapablis influi en la decidoj, kiuj alportis al la mondo tiujn du militojn. Esperanto ne estas universala kuracilo, kiu ĉion solvos, sed ĝi ja havas ecojn, pri kiuj tre trafe parolis S-ano J. Régulo Pérez en sia prelego en la Instituto de Hispanaj Studoj, de Puerto de la Cruz, Kanaria Insularo. Ni atentu la vortojn de tiu klera samideano: «Ideologia esprimo de difinitaj unuecigaj tendencoj de la homa socio, la internacia lingvo esperanto fariĝis ankaŭ potenca instrumento de pli granda unuecigo. Ankaŭ en ĉi tiu direkto ĝia funkciado estas identa kun tiu de ia ajn lingvo, kaj speciale kun la funkciado de la naciaj lingvoj. Se ĉi tiuj estas la spiritaj muldiloj pli fortaj de la nacioj, esperanto, adekvate, estas unu el la apogiloj pli potencaj kaj el la akcelaj rimedoj pli efikaj por la homa solidaro». Kiel perfekte S-ano Régulo esprimis la valoron de nia lingvo, kiun valoron bedaŭrinde ne ĉiuj agnoskas. Kaj rilate la deziron de S-ro Alonso, ke ni traktu politikajn, sociajn kaj religiajn aferojn en nia gazeto, ni devas informi al li, ke ni estas neŭtralaj rilate tiajn aferojn kaj sekve ni ne povas tuŝi ilin. Sed ekzistas esperantaj gazetoj pri sociologio, politiko kaj religio, kaj li povas trinki en tiuj fontoj.—*Red.*

# 17-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Barcelono, 24 - 29 de Julio, 1956**

**Adreso de la Organiza Komitato: Str. Teruel 26 - 28, Barcelona (8)**

**En primer lugar, vaya nuestra felicitación a todos los esperantistas, por la magnífica acogida dispensada a nuestro llamamiento, pues pasan ya de 300 los inscritos al Congreso.**

A continuación damos el programa definitivo.

*Día 24.* De 17 a 20 horas, distribución de documentos. De 20 a 21, «Interkonatiĝa Vespero». Local: Casa de Valencia, calle Córcega, 335. Teléfono 28-01-95.

*Día 25.* De 9 a 11, proseguirá la entrega de documentos. A las 12, Apertura Oficial del Congreso, en el Ayuntamiento, plaza de San Jaime. A las 18, visita a las Exposiciones de Esperanto. Local: Antigua Capilla del Hospital de la Santa Cruz, Carmen, 47. Tiempo libre para visitar la ciudad.

*Día 26.* A las 10, primera sesión de trabajo. A las 18, sesiones de trabajo de las Secciones. A las 20'30, conferencia por Don Mariano Solá Montserrat, Vicepresidente de la Federación. Todos estos actos se celebrarán en la Cámara Oficial de Comercio y Navegación, Paseo de Isabel II, 1.

*Día 27.* A las 10, segunda sesión de trabajo. A las 17'30, exámenes de Esperanto. Local: Cámara Oficial de Comercio y Navegación.
Aproximadamente a las 19'30, en la Universidad, pronunciará una conferencia en español, sobre Esperanto, el eminente Dr. Font y Puig, uno de los más sobresalientes oradores españoles. Aunque dicha conferencia no es para esperantistas, informamos a los congresistas porque probablemente desearán asistir. Más detalles se facilitarán en la «Akceptejo».

*Día 28.* A las 9, excursión a Montserrat en autobuses. Salida: desde el domicilio de Viajes Marco, Rambla Estudios, 46. A las 23, concierto por la Banda Municipal y los Coros Clavé. Lugar: Plaza del Rey.

*Día 29.* A las 10, Solemne Misa con sermón en Esperanto, en la iglesia románica de Santa Ana, cerca de la plaza de Cataluña. A las 11'30, representación de la obra teatral «Georgo Dandin», de Moliére. A las 14'30, banquete oficial; a continuación, café y Sesión Literaria. A las 19, Clausura del Congreso. Local: Restaurante del Parque de la Ciudadela.

***Excursión a Montserrat.*** A los que deseen participar, y todavía no hayan hecho su encargo, se les ruega lo hagan seguidamente. Precio del asiento, 80 pesetas, sin comida; con comida, 145 pesetas. Pidan reserva y manden el dinero a nuestro cajero, Sr. Joan Viver Salarich, Alfonso XII, 55, Barcelona.

***Representación teatral.*** Se expenderán las localidades en nuestra oficina, y las que queden invendidas se ofrecerán al público en general, sea o no esperantista. Al mismo tiempo se entregará el programa con indicación del teatro en que se hará la representación.

***Banquete Oficial.*** Se ruega hagan sus encargos al cajero, Sr. Viver. Cubierto, 80 ptas.

***Alojamiento en tiendas de campaña.*** El Grupo Esperantista «Nigra Monto» ofrece alojamiento en tiendas, a 5 pesetas por día. Los interesados diríjanse a dicho Grupo, calle Juan Blancas, 41, Barcelona, antes del 15 de Julio.

***Postales y carteles del Congreso.*** Ya tenemos a la venta ambos medios de propaganda. Pedidlos y divulgadlos por todas partes. Precio de cada uno, una peseta.

*EL COMITÉ ORGANIZADOR.*

LA TEMPO LABORAS POR NIA AFERO



# ORA JUBILEO DE LA GRUPO

**SERIOZA OPTIMISMO, GAJA ENTUZIASMO KAJ... BO KOLORON KAJ BRILON AL BELA PROGRAMO DE FE**

Reprezentante la centran stabon de la Hispana Federacio, mi vojaĝis al Bilbao kun ĝoja animo, por inde celebri apud estimataj samideanoj la kvindekjarecon de ilia Grupo. La preta vigleco, kiun tie mi trovis, jam estis aŭguro por plena sukceso: Raportoj en ĵurnaloj kaj radio, favora sinteno de gravaj instancoj kaj eĉ iom da internacia karaktero en la Jubileo, pro ĉeesto de germana samideano S-ro Willy Schmalzriedt, patro de la fama F-ino Sinjo.

Dimanĉe, 20. Majo, solena meso inaŭguris matene la programon, kiel pia omaĝo al la forpasintaj samideanoj. Sekve okazis la beno al la nova kluba standardo, belega silka verko de pluraj fraŭlinoj el Eibar, la industria baska urbo, kie tiel diligente *samideanas* nia kara amiko S-ro Arizmendi. Post la religia ceremonio, oni marŝis en densa amaso ĝis la socia sidejo, ĉe la Blindula Organizo, en kies bufedo ĉiuj frandis la delikataĵojn de abunda lunĉo.

Kvankam laŭ tri sekvaj tagoj, la solaj eksteraj signoj estis daŭraj ampleksaj informoj en gazetaro kaj radio —eĉ intervjuoj, en kiuj mi rolis kun S-ro Schmalzriedt— kio kreis oportunan atmosferon ĉe la urba loĝantaro, la socia sidejo, pro svarmo kaj laboro, aspektis ĉiuvespere kiel zumanta abelujo.

Ĵaŭde, 24. Majo, vespere, je akurata horo, estis plenplena la salono de la societo «Masa Coral del Ensanche» en kies tribuno, post enkondukaj paroloj de S-ro Otaola, prezidanto de la jubileanta Grupo, S-roj Teodoro Elizondo kaj Eugenio Lunate, veteranoj de la esperantismo en Bilbao kaj Baracaldo, legis trafajn rememorigajn vortojn. S-ro Fernando Bayo, per elokventaj frazoj, varme admonintaj al plej altaj celoj, fermis la unuan parton. Tuj venis la vico al simpatia aro da geblinduloj, kiuj konsistigas bonegan ĥoron sub lerta gvido de S-ro Ayala; oni ĉarmigis la publikon per belaj kantoj, kelkaj el ili esperantlingvaj. Post la ravaj triloj de la blindaj najtingaloj, majstro Leoncio Muñoz sidis antaŭ fortepiano kaj virtuoze ludis unuarangajn muzikaĵojn, metante finon al la arta festo, kiu estis ja malavare garnita per aplaŭdoj kaj laŭdoj de multenombra ĉeestantaro, kun emo ankoraŭ restadi...

Sabate, 26. Majo, vespere, same distinginda publiko sidis komforte sur foteloj en la solenejo de la Municipa Arkivo kaj Biblioteko, ĝentile oferita de la urbestro por la publika prelego, kiun trafe anoncadis, jam de du tagoj antaŭe, okulfrapaj verdaj afiŝetoj sur la muroj de konvenaj stratanguloj en ĉiuj kvartaloj de Bilbao, la grandsinjora urbo. S-ro Schmalzriedt kaj mi, kiel ĉefroluloj en la hodiaŭa

**Religia ceremonio por beni la flagon - S-ro Schmalzriedt prelegas - S-ro Hernandez oratoras en la prelego kaj en la bankedo.**

# ESPERANTISTA DE BILBAO

**'A APETITO, EN AGRABLA HARMONIO, DONIS 'OJ SUKCESE OKAZINTAJ DUM TUTA SEMAJNO**

arangô, eskortataj de estraranoj kun S-ro Otaola ĉefronte, okupis la podion dum S-ro Bolaños, armita per sia fotografilo, ade iras kaj venas de loko al loko por *kapti* gestojn kaj detalojn. S-ro Otaola faris la prezenton kaj tradukis hispanen, laŭ bone mezuritaj interspacoj, la vortojn de S-ro Schmalzriedt, kiu per voĉo tre klara rakontis emociajn travivaĵojn, meze de kies tikla zigzago li trovis la vojon de Esperanto, ebliganta nun al li plej utilajn spertojn. Kiam finiĝis la forta aplaŭdado --justa premio!-- por la oratoro kaj por lia vigla tradukinto, jen estis mi mem, kiu devis tuj zorgi pri la etoso de l' momento. Kun eta nuanco de sentoskuo en miaj hispanlingvaj paroloj, mi disvolvis la tezojn kaj analizis la sintezojn de niaj bazaj argumentoj, kiuj plene taŭgis por la elektita temo: socia valoro de Esperanto! La subitaj eksplodoj de ŝprucantaj aplaŭdoj, eĉ interrompante elstarajn frazojn de kelkaj periodoj, pruvis, ke oni komprenis la rezonojn kaj --pli interese!-- ke oni aprobas kaj akceptas ilin, ĉar post la disertacio, ekster la kutimaj gratuloj, ne mankis seriozaj demandoj kaj atentindaj petoj.

Dimanĉe. 27. Majo, tagmeze, en tipa baska restoracio, supre de monto Archanda, okazis la ferma oficiala arangô de la Jubileo, laŭ abunda menuo de gaja bankedo, kie la tradicia apetito de la baskoj ne perdis eĉ eron de sia prestiĝo. En fermita teraso, de kie oni rigardis ravan panoramon de la urbo, ĉirkaŭ longa tablo, kiel en efektiva familio, oni frate kunsidis, oni manĝis, oni trinkis kaj... nur post tio, oni kantis --S-ro Elezcano-- oni senbride babilis. Tiam nepre mi devis interveni en improvizita tosto, ĉar pri tio oni insistis, por emfazi la signifon de tiuj ĵus feliĉe pasigitaj tagoj, kiel grava mejloŝtono.

... Kaj, post kanto de «La Espero», venis disiĝo; gejunuloj emis al proksima dancejo, aliaj --mi inter ili-- ŝatis promeni preter alta balustrado aŭ tra veluraj herbejoj ĝis la kapeleto de Sankta Rokeo, sur najbara montopinto. Steloj ekbrilis en la ĉielo. Bilbao ŝajnis tiam, de mia rigardejo, sorĉa mistera urbo de feinoj kaj gnomoj, kiuj uzas, kiel lumigilojn, laŭ fantazio de fabeloj, rubenojn kaj smeraldojn...

Pli poste, kun S-ro Schmalzriedt, mi faris viziton al Radio Bilbao por la Esperanto-programo, kiun ĉiudimanĉe S-ro Juanes kompetente gvidas. En la tago sekvanta, per saluto al la blinduloj, en simpatia kunveno, fakte venis fino al la parado de la Ora Jubileo. La grundo ricevis semojn. Mi esperas, ke ili ĝermos, floros kaj fruktiĝos.

**LUIS HERNANDEZ**



**Ĉirkaŭ la flago - La baska restoracio - Ĉeestintoj antaŭ la bankedo - Rigardante la afiŝojn - Publiko en la prelego - La bankedo**

# LA GOTIKA KVARTALO DE BARCELONO

Nia urbo estas, el la ogiva arkitektura vidpunkto, tre interesa. Ni verdire bezonus volumegon por skizi eĉ malgrandan raporton pri ĝiaj multaj belartaĵoj. Tiel do, ni nur priskribos tre supraĵe kelkajn el ili.

Nia unua vizito estu al la Placo San Jaime, ĉar ĉirkaŭ ĝi koncentriĝas la gotika kvartalo.

*Urbodomo.* Tiu konstruaĵo konsistas el du partoj: unu antikva kaj alia moderna. La unua havas altiran fasadon, kiu rigardas al la Urba strato. Ĝi montras belegan pordon kaj broditajn fenestregojn, ornamitajn de ogivaj krestaretoj. Sur la pordo aperas tri ŝildoj kaj pli supre gracia anĝelo. Interne estas tre rimarkindaj la historia Salono de Kronikoj, orteknike dekoraciita de la fama pentristo José María Sert; la nova Salono de Kunsidoj; la gotika galerio kaj la arkivo. La moderna parto, kaj nuna fasado, aspektas pli modesta, sed prezentas beletan portikon kies kvar ioniaj kolonoj beligas ĝin. Ambaŭflanke de la enirejo vidiĝas marmoraj statuoj de la reĝo Jakobo I-a, la Konkerinto, kaj de Fivaller, fama konsilanto.




*Provinca Deputitejo.* Meritplena palaco, kies bizanca fasado datiĝas en la XVI-a jarcento. Ĝia malantaŭa gotikstila parto estas menciinda, precipe la vestiblo, la ŝtuparo, la salono de kunsidoj kaj, speciale, la mondfama salono San Jorge, kiu emocias pro ties klasikaj pentraĵoj.

*Antikva ĉefa Juĝejo.* Tiu konstruaĵo situacias post la Deputitejo. Estas vizitindaj ĝia artisma ŝtuparo, la galerio de la Prokuratoroj, la kapelo San Jorge kaj, fine, la famega «Patio de los naranjos» (Korto de la oranĝarboj). Ĝia gotika fasado, rigardanta la straton Episkopo Irurita, montras riĉan medalionon kun la reliefe skulptita figuro de Sankta Georgo, kataluna kavaliro. De la ĵus citita strato oni vidas ravan supran ogivan ponteton, kiu komunikigas la Juĝejon kun la antikvaj Kanonikaj Domoj, montrantaj blazonajn fenestrojn (jarcentoj XV-a kaj XVI-a).

*Episkopa Palaco.* Tre interesa konstruaĵo flanke de la Placo Nova. Ĝi ankoraŭ konservas unu el la turoj formintaj la romanajn remparojn. En ĉi tiu palaco mortis la reĝo Johano II-a.

*Casa del Arcediano.* (Domo de katedrala ekleziulo). Tie oni povas viziti la Historian Arkivon de la Urbo kaj la Bibliotekon Massana.

*Katedralo.* Jen gotika monumento de la XIII-a kaj XIV-a jarcentoj. Ĝi konsistas el tri altaj navoj subtenitaj per 32 kolonaroj. La ĥorejo estas rimarkinda kaj despli la postĥorejo, tre bele skulptita. Pluraj kolorvitraj fenestregoj ornamas la internon. Krom la ĉefaltaro, vidiĝas 28 belaj kapeloj, inter ili tiu de la «Santo Cristo de Lepanto», kiun la barcelonanoj piece adoras. La fasado havas artan portalon, ĉirkaŭitan de ok fenestroj. Beligas la tuton 21 statuoj harmonie dismetitaj. Superregante ĉion elstaras tri aĵuraj kaj ĉizitaj turoj, unu el ili tre alta kaj finiĝanta per majesta statuo de Sankta Elena. La du sonorilejoj kuraĝe sin apogas sur la arkoj de la flankaj portaloj. Apud la templo estas interesa ogiva klaŭstro ĉirkaŭanta malgrandan ĝardenon.

*Placo de la Reĝo.* Tie oni povas rigardi rimarkindajn konstruaĵojn, nome:

# HEINRICH HEINE

La 17-an de pasinta Februaro, Germanujo celebris la 100-an datrevenon de la morto de la famkonata poeto Heinrich Heine. Inter liaj poemoj troviĝas tiu titolita «Lorelej», nomo de alta, grandioza montroko en la rivero Rejno. Zamenhof tradukis tiun poemon, kaj oni povas trovi lian tradukon en la «Fundamenta Krestomatio». Ni nun publikigas alian tradukon de la sama poeziaĵo.

LORELEJ

Ne scias mi, kial mi estas
Malgaja en la kor'.
Antikva fabelo restas
Por ĉiam en mia memor'.
Vespero jam malheliĝas,
Fluadas la Rejn' en trankvil',
La supro de l' monto lumiĝas
En vespersuna bril'.

Belega knabino jen tronas
Kun ora juvelar',
La belan vizaĝon kronas
Mirinde la ora harar'.
Ŝi uzas kombilon el oro
Kaj dume kantas ŝi.
Mirige tuŝas al koro
Sorĉiga la melodi'.

Kaj sopiregon eksentas
Ŝipisto dum sia vetur',
Rifaron li ne priatentas,
Al monto rigardas li nur.
Mi kredas, ke dronos finfine
Ŝipisto kun sia boat',
Kaj tion kaŭzos feine
La Loreleja kantad'.

Trad. *Leopold Elb.*

## UNIVERSALA EKSPOZICIO

Okaze de la Universala Kongreso en Kopenhago la Universala Ekspozicio estos aranĝita de la 1-a ĝis la 14-a de aŭgusto en la dana ĉefurbo, kio ebligos al ĉiuj kongresanoj vidi la ekspozicion.

Por ke la ekspozicio estu kiel eble plej kompleta, ni varme petas la legantojn sendi tuj al la ekspozicio ĉion gravan (librojn, revuojn k. s.), kio aperis en Esperanto aŭ pri ĝi post aŭgusto 1954, kaj kio laŭ via scio ne estas jam sendita al la ekspozicia aranĝo en Strasbourg. Bonvolu sendi la materialon al la adreso de subskribinto: Viggo Rothesvej 40, Charlottenlund, Kopenhago, Danlando.

Ni dankas al ĉiuj anticipe.

*Eskil Svane*
Komisiito de C. E. D. por la Universala Ekspozicio

*Reĝa Palaco.* Antaŭe Palacò de la Barcelonaj Grafoj, kaj poste Palaco de la Aragonaj Reĝoj. Ĝi enhavas belan vestiblon, la rigardejon de la reĝo Martino, kaj la salonon de la Tinell.

*Arkivo de la Aragona Krono.* Ĝi prezentas la plej riĉan mezepokan dokumentaron de Eŭropo. La konstruaĵo apartenas al la XVI-a jarcento.

*Kapelo Santa Agueda.* Antikva kapelo de la Reĝa Palaco, posedanta altvaloran retablon, faritan de Jaime Huguet. Antaŭ ĉi tiu kapelo staras romana kolono.

Ekster la kadro de la gotika kvartalo, staras la jenaj ogivaj preĝejoj: Santa María del Mar, Concepción kaj la tre fama Monaĥejo de Pedralbes, unu el la plej perfektaj konstruaĵoj de la kataluna gotika stilo, kiun ni speciale rekomendas.

Jen ogiva trezoro kiun Barcelono, kiel veran frandaĵon, oferas ĝentile al la esperantistaj vizitontoj.

*Jaime Aragay*, Barcelono.

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 15-a de Julio.***

La solvon de la enigmo n.° 35 ni ricevis el jenaj samideanoj: E. Padrao, P. Naranjo, S. Roca Rodó, V. H. Llusera, Adonis González, M. Fernández, Baska Esperanto-Rondo, J. M. Fontcuberta, V. Monsalve, A. Escamilla, J. Silva, R. Bastardas, R. Ayala kaj R. Manau, kaj ni asignas al ĉiuj la koncernajn poentojn. S-anoj V. Monsalve kaj S. Roca Rodó denove atingis 10 poentojn, kaj ni sendas al ili la premiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 35

*Horizontale:* 2 jozuK. 3 Pro, Agi. 4 Skrap. 5 Amora, Moŝto. 6 Surtuto. 7 Vert, Krei. 8 Abomeni. 9 Koran, Tasko. 10 Rokoj. 11 Dek, Lia. 12 Obolo.

*Vertikale:* 2 arelK. 3 Pom, oiD. 4 Ostar. 5 josrU, Barko. 6 Kartono. 7. azuR, Krom. 8 Amuleto. 9 Kapot, Najlo. 10 Ŝokis. 11 irT, Kia. 12 Opero.

ENIGMO N.° 38

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Malsupra figuro.




*Horizontale:* 2 (Rad) Parto de buŝinterno. 3 (Rad) Parazita insekto. Ripetiĝo de sono haltigita de supraĵo, kiu ĝin resendas al la orelo. 4 (Rad) Plirapidigi. 5 Elĵetu salivon el la buŝo. Ferio. 6 Eksteraj formoj de konduto. 7 Kovrita per densaj mallongaj haroj. Longa, mallarĝa k plate maldika peco da ligno uzata en konstruo. 8 Havi feliĉan rezultaton. 9 (Rad) Stumpigita trunketo de greno restanta post la falĉado. Rekta linio iranta de la centro de rondo al iu punkto de la rondlinio. 10 (Rad) Fidela. 11 Kolektiva. Prefikso. 12 Nobela junulo akompananta k servanta reĝ(in)on.

*Vertikale:* 2 Diris ion per laŭta akra voĉo. 3 Prep. Pli ol sufiĉe. 4 Senorda kolekto. 5 Alloge agrabla. (Inv) Tuŝesploru per la mano. 6 Hejmigita mamulo. 7 (Inv) Aldirekti ĵeton por trafi ion. Laŭleĝe k jure decidi, ĉu iu estas kulpa aŭ ne. 8 Nedaŭra. 9 (Rad) Manĝilo. Diferenco inter debeto k kredito. 10 (Rad) Fortika. 11 (Inv) Pronomo. De iu. 12 Molusko.

ENIGMO N.° 39

La ĉasisto, de J. Devís.

Ĉasisto eliris el sia rifuĝejo k marŝis sep kilometrojn rekte suden. Tie, li rimarkis ursan spuraron (1) en direkto rekte al oriento kaj sekvis ĝin. Kvin km. poste, li sukcesis atingi kaj mortpafi la urson. La ĉasisto, senfeligis la beston, sin direktis rekte norden kaj, post sepkilometra irado, li alvenis al sia rifuĝejo. El kiu koloro estis la ursa felo?

(1) Spuraro — Serio de la piedsignoj de unu besto.

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Ni ricevis tradukojn de la tasko de Marto, el jenaj samideanoj: A. Escamilla, M. Buscató, J. Saladrigas, M. Fernández, E. E. Yelland, V. Monsalve, V. H. Llusera, S. Roca Rodó, E. Pons kaj A. Núñez. Ree atingis 10 poentojn S-ano V. H. Llusera, kaj ni sendas al li la premion.

*Jen unu el la plej korektaj tradukoj:*

La nombro de la studentoj kaj la malpacienco kiun ili montris por eniri la lernoĉambron facile kompreniĝis, tial ke tiu estis la unua tago de la kurso kaj de la komenco de la kariero. Tiu paso de la abiturientaj studoj al la studoj de la Fakultato, ĉiam havigas al studento iajn iluziojn, kredigas lin esti pli aĝa homo, ke lia vivo tuj ŝanĝiĝos. Andreo Hurtado iom surprizite vidi sin inter tiom da kamaradoj, atente rigardadis, apude de la muro, la pordon ĉe angulo de la korto laŭ kiu li devis pasi. La junuloj grupiĝis antaŭ tiu pordo, kiel la publiko ĉe la enirejo de teatro. Andreo daŭris apogite sur la muro, kiam li sentis, ke oni kaptas lin de la brako kaj diras al li: «Hola, knabo!». Hurtado turnis sin kaj renkontis sian kamaradon de Gimnazio, Julio Aracil. Ili iam estis kunlernantoj en Sankta Isidro, sed Andreo de antaŭlonge ne vidis Julion. Ĉi tiu studis la lastan abiturientan kurson en provincoj, laŭ tio kion li diris.

*Kiel nova tasko ni prezentas alian fragmenton de la sama romano:*

**El estudiante madrileño, sobre todo el venido de provincias, llegaba a la corte con un espíritu donjuanesco con la idea de divertirse, jugar, perseguir a las mujeres, pensando, como decía el profesor de Química con su solemnidad habitual, quemarse pronto en un ambiente demasiado oxigenado. Menos el sentido religioso, la mayoría no lo tenían, ni les preocupaba gran cosa la religión, los estudiantes de las postrimerías del siglo XIX venían a la corte con el espítitu de un estudiante del siglo XVII, con la ilusión de imitar, dentro de lo posible, a Don Juan Tenorio y de vivir «llevando a sangre y a fuego amores y desafíos». El estudiante culto, aunque quisiera ver las cosas dentro de la realidad e intentara adquirir una idea clara de su país y del papel que representaba en el mundo, no podía. La acción de la cultura europea en España era realmente restringida y localizada a cuestiones técnicas; los periódicos daban una idea incompleta de todo; la tendencia general era hacer creer que lo grande de España podía ser pequeño fuera de ella, y al contrario, por una especie de mala fe internacional.**

---

## Pri la Hispana-Esperanta Vortaro

**Post la sciigo en la januara *Boletín*, mi ricevis plurajn leterojn kun peto pri informoj rilate la anoncitan vortaron. Per ĉi tiuj linioj mi respondas tiajn afablajn leterojn kaj samtempe informas la hispanan samideanaron.**

**Malgraŭ la verŝajna intereso de la eldonejo entrepreni mian vortaron, mi devis rezigni pri ĝiaj servoj, ĉar post kvin monatoj da atendo, ĝi ankoraŭ ne ricevis la matricojn pri la supersignitaj literoj. Mi ne povas atendi senfine, ĉar la afero urĝas, do mi decidis transdoni la mendon al la presejo kiu presas *Boletín*, por ne plu perdi tre valoran tempon. Tio faros la vortaran pretigon pli malrapida, sed mi havas la avantaĝon komenci tuj. La linotipisto jam komencis liveri provojn, kiuj estas tuj korektataj, kaj tre baldaŭ komenciĝos la presado. Mi esperas, en la kongreso de Barcelono, povi montri jam multajn presitajn paĝojn.**

***D-ro E. Tudela.***

---

**el la paĝo 290**

povas fariĝi samtempe stenografisto por pluraj lingvoj. Tiu ĉi gvidilo en Esperanto prezentas sisteme ordigitajn al ĉiuj simpatiantoj kaj komencantoj, la elementajn signojn, kaj dua parto sekvos traktanta pri la rapida skribo. Aliĝo al la Tutmonda Intersteno-Asocio estas konsilinda se ni deziras kompletajn lernolibrojn, perfektigajn kursojn kaj eble eldonon kaj interŝanĝon de periodaĵoj. Antaŭen do la junularo!

*E. Guillem.*

## ANONCETOJ

—

● Tre belajn kongresajn glumarkojn eldonis S-ro E. Moreno, Entenza 31, Barcelona. Bona propagando pri nia venonta kongreso en Barcelono. Folio de kvar markoj, 1,50 pesetojn.

● Okaze de la kongreso de IKUE, en Zaragoza, la Hispana Filatela Servo uzos specialan stampon. La kosto estas 1 rpk. ĉe Sección Filatélica de HEF, Apartado 875, Barcelona.

● La Esperanta Ekspozicio de Bilbao Esperanto-Grupo ne okazis en la anoncita dato, ĉar oni decidis prokrasti ĝin por venonta aŭtuno. Oni dankas pro ĉio ricevita por tiu ekspozicio. Bonvolu daŭrigi la sendon de esperantaĵoj al la adreso de la Grupo, Pérez Galdós 11, Delegación de Ciegos, Bilbao.

● Por la venonta kongreso de HEF en Barcelono kaj por ĉiu ajn vojaĝo kaj ekskurso, bonvolu uzi la servojn de la trafik-oficejo VIAJES MARCO, Rambla del Centro n.° 46, Barcelona. Esperanto parolata!

● S-ro Martin Hansen, Borups alle 205, N. V., Kobenhavn, Danlando deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

● Aŭskultu la interesajn elsendojn de «Radio Roma», ĉiusemajne, merkrede kaj vendrede, je la 18,55 ĝis la 19,10 per ondoj de 25,40 - 30,90 - 41,24 metroj, kaj post aŭdo bonvolu skribi al la stacio «Radio Roma», Esperanto, Casella Postale 320, Roma, Italujo.

● S-ro Sacramento Collado, Aurelio Delbrouck n.° 4, 1.°, Sama de Langreo, Oviedo deziras akiri la numerojn 15 kaj 24 de *Boletin*, kiuj mankas en lia kolekto. Li pagos laŭ deziro de la ofertanto.




**B O L E T I N**
**de la**
**FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**
**BULTENO**
**DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Adreso de la Redakcio kaj Federacio**
**Str. Pelayo, 7, 1.a**
**VALENCIA**

**Kotizoj de la Federacio**
**Simpla membro: 15 pesetojn jare**
**Membro-abonanto: 50 pesetojn jare**
**Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare**
**La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.**
**Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare**
**Monsendojn adresu al:**
**S-ro Ernesto Hurtado**
**Str. Pelayo, 7, 1.a - VALENCIA**


## DONACOJ AL NIA BULTENO

| | |
|---|---|
| **Antaŭa sumo.** | **1.447 pesetoj** |
| **F. Enfedaque, Madrid** | **25 »** |
| **V. Monsalve »** | **25 »** |
| **M Martín »** | **5 »** |
| **D. Rodríguez »** | **25 »** |
| **P. Buisán, Palencia** | **10 »** |
| **J. Frugoni, Te de.** | **10 »** |
| **R. Vizcaíno, Valencia** | **20 »** |
| **J. M., de M.** | **50 »** |
| **E. Pérez, Valencia** | **10 »** |
| **J. Ballbé, Tarrasa** | **25 »** |
| **Entute.** | **1.652 pesetoj** |

*Sinceran dankon!*

● Deziras korespondi pri ekskursoj kaj montaraj aferoj, kun eksterlandaj naturamikaj individuoj kaj grupoj, Centro Excursionista Fontinient, str. Reyes Católicos 42, Onteniente, Valencia, Hispanujo.

● Germana samideano intencas vojaĝi en monato Julio per motorciklo al Hispanujo. Antaŭvide li venos al Barcelona, Zaragoza, Madrid, Córdoba, Sevilla, Granada, Mallorca, Valencia kaj al lokoj troviĝantaj inter la nomitaj. Esperanto-grupoj kaj solaj esperantistoj, kiuj deziras ties viziton, bonvolu skribi al: S-ro Herbert Hofman, Augsburg 3, Schisslerstr. 15 Germanujo.


PERIS-G VÍA M. TURIA, 28 VALENCIA